# Aŭstraliaj Esperantistoj


## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer** **Provlegita de Vera Payne**



**PLENUMITA 10/08/2017 Tricent-tridek-kvara eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj


Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

*Google Translate* *Plena Ilustrita Vortaro* *Esperanta Retradio*

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au



Ekstudis pli ol **969,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo per la angla lingvo. (Ekde la 28a de Majo 2015) https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online

Ankaŭ ekstudis pli ol **181,000** lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde la 26a de Oktobro 2016)

**Ĝis nun 1,150,000 lernantoj ekstudis Esperanton per Duolingo**

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# La gramatikaj (lingvaj) kategorioj. E.



La Substantivo, unu el la Kategorioj, ĉiam ricevas la finaĵon "-o", ŝanĝeblan en poezio al apostrofo. Ĝi funkcias kiel la kerno de la Subjekto kaj de la Objekto, kaj estas parto de Prepozitivoj ("En la mondo") adjektivecaj kaj adverbecaj. Ĝi kelkfoje estas parto de la Predikativo, ekz. (subjekta) "Ŝi estas la lernejestro" kaj (objekta) "Ŝi elektis lin (esti) ŝia reprezentanto".

Oni povas dividi la substantivojn en sep specojn, sed tia divido havas en Esperanto malmultan utilon, ĉar ĝi ne rezultas en malsamajn regulojn pri finaĵoj kaj uzebleco. Ĝi nur kaŭzas malsamajn uzojn de la pluralo kaj de la gramatika artikolo "la". Tiu divido estas en: 1e. vortoj indikantaj materialojn kaj abstraktaĵojn kaj personajn nomojn kutime ne uzatajn en la pluralo, sed ne nepre necese. Ili neke uzatas ofte kun la gramatika Artikolo: rizo; longeco; Petro.

La pluralo de la substantivoj havas la finaĵon "-oj" aŭ "-ojn", kaj la Akuzativo la finaĵon "-on" aŭ "-ojn". Ne ekzistas aliaj finaĵoj por la Substantivo.

(daŭrigota) *Marcel Leereveld.*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Ĉu vi subskribis la peticion?

klaku ĉi tie

Se vi ankoraŭ ne faris, klaku kaj subskribu la verdan supran lokon. Esperanto bezonas milionojn da nomoj. Kion faras la milionoj da Esperantistoj? Subtenu nin! Ĝis hodiaŭ nur 423 subskribis tiun peticion. (Por Esperanto, tiu peticio povus esti gravega,)

*Roger Springer*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# "Malgrava historieto pri mia vivo" (Bob Felby)



## Nun AE kopias la tutan libreton iom post iom ĝis la fino.

## Bona rakonto kaj bona Esperanto

**Ĉapitro 2, Mi plenkreskiĝas, fariĝas laboristo kaj esperantisto** (2a ero)

Iun posttagmezon post mia laboro en la porcelanfabriko mi biciklis al la urbodoma placo. Proksime al ĝi estis hartondejo. Mi eniris, ĉar tre plaĉis al mi agi kiel plenkreskulo. Kiel ĉiam, ĉu ne ? mi devis atendi dum la hartondisto tondis la hararon de aliaj. Dum la atendado mi rigardis la kelkajn librojn, kiujn li vendis, kvankam li ne estis librovendisto. Ĉiuj liaj libroj estis en Esperanto. Mi rigardis ilin preskaŭ nenion komprenante. Unu tre malgranda, kaj malmultekosta, estis "Esperanto for ungdommen", t.e. Esperanto por la junularo. La verkinto estis Lorenz Friis. Mi aĉetis ĝin kaj eklegis, eĉ legadis. Mi trovis la lingvon tre facila ĝis la 5-a leciono, kiam estis enkondukata la akuzativo. Malgraŭ mia juna cerbo, sur kiu ne kreskis herbo, mi havis tiam nur 18 jarojn, mi ankoraŭ ne tute bone komprenis ĉion pri la akuzativo. Sed mi komprenis, ke oni diras, "han er god", t.e. li estas bona, kaj "jeg ser ham", t.e. mi vidas lin. Estis al mi iomete facile kompreni, ke "han" kaj "ham" estas iom malsamaj kvankam ili signifas preskaŭ la saman. Mi do lernis, ke kiam oni forprenas la danan "n", kaj anstataŭigas ĝin per "m", tiam oni aldonas "n" en Esperanto. Sed tio estis, kompreneble, nur la komenco, kaj ĉiu komenco estas malfacila !

Tamen mi trastudis la anoncojn en la gazetaro. Feliĉe mi trovis sinjorinon Graule, kiu instruas Esperanton. Sekve de tio, mi ĉiun vendredon, post la laboro en la porcelanfabriko, biciklis al ŝi en "Østerbro", t.e. la orienta parto de Kopenhago. Per ŝia helpo la akuzativo ne plu estis problemo. Ŝi ankaŭ bonege instruis la participojn !

Tiam mi perdis mian laboron en la porcelanfabriko, kaj eklaboris en ŝipkonstruejo en Kopenhago. La patro de mia bofrato havigis tiun laboron al mi. Sed tiu estis nenia laboro por 20-jarulo. Ĉiuj aliaj en la laborejo estis almenaŭ 60-jaraj, kaj krome ili estis, preskaŭ ĉiuj el ili, tre drinkemaj. Du el ili estis eksklaŭnoj el la granda cirko meze de Kopenhago. Iel ankaŭ ili perdis sian laboron, kaj nun estis devigataj vivteni sin kiel ŝipkonstruejlaboristoj.

Foje, biciklante en Kopenhago per mia verda biciklo kun verdaj Esperanto-steloj, haltigis min knabo. Montriĝis ke li estas esperantisto el Germanujo. Li gastis ĉe kopenhagano. Ili ambaŭ min demandis, ĉu mi prenos parton en la Somerkursaro en "Helsingør", t.e. Helsinoro, mezepoka urbo 40 kilometrojn norde de Kopenhago.

Do mi prenis parton en la Somerkursaro, kaj ekhavis multajn novajn geamikojn el tuta Eŭropo, kelkajn eĉ el Danlando.

*Daŭrigota* *Bob Felby*



# El Melburno



## Neĝa aventuro



Kvin membroj de la Melburna Esperanto "Meet-up Grupo", Joanne, Peter, Tristan, Heather kaj Peter ekskursis al Lake Mountain. Ni unue vojaĝis per aŭtoj al Marysville (urbeto preskaŭ tute detruita en la 2009 fajrego), kaj poste per aŭtobuso al Lake Mountain, 130 kilometrojn for de Melburno.




Bonŝance la vetero estis seka malgraŭ malvarma. La ĉirkaŭaĵoj ŝajnis esti tre strangaj pro la centmiloj de bruligitaj grizaj arboj, sed tiuj nun kreskas "*saplings*" (junaj arboj). Dum la fajrego en 2009 multegaj da bestoj kaj birdoj en tiu regiono mortis, ankaŭ poste pro manko de nutraĵo.

Lake Mountain estas loko kie oni nur skias laŭ ebena tereno, uzas toboganojn aŭ piede esploras la monton. Ni elektis iri piede laŭ vojetoj unue ĉe la "Leadbeater possum" vojo kaj poste laŭ la vojeto al la pinto de la monto 1,433 metrojn alta. Unu el niaj membroj ĝis tiu tago neniam vidis neĝon, do multe ĝojis fari neĝpilkojn, neĝvirojn, neĝanĝelojn, ktp.

Do ni multe parolis en esperanto kaj multe ĝuis la etoson.



*Heather Heldzingen*



# KOMENTOJ PRI 332:



1) Mi dankas Trevor pro pliklarigi mian rimarkon pri Ukrainio kaj ankaŭ pro korekti mian miksadon de Gorba'cov kaj 'Hri's'cov. Marcel.

2) Bob mencias "sian misuzon de la 16 reguloj". Fakte Bob estas unu el la gramatike plej kleraj Esperantistoj en Aŭstralio. ("sinteno" NE estas en la 16 reguloj kaj estu "siteno").

3) Bob iomete naive mencias ke se ekzistus nur unu nacio, ne okazus militoj. Li forgesas unue ke la militon instigas ekonomiaj potencoj internaciaj kaj ke due ankaŭ en unu nacio povas okazi milito, ekz. la Hispana milito inter Franco kaj la Respublikanoj kaj multaj aliaj internaj militoj. Krome en nia lando daŭre okazas speco de milito inter la aŭstralianoj kaj la potencaj internaciaj kompanioj.

*Marcel Leereveld.*



# La Manlia Esperanto-Klubo



Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm.



Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagita kafo atendos vin.
La 5an de Aŭgusto venis la kutimaj ses Esperantistoj, Roger, Chris, John, Eunice, Michael kaj Ian.



Denove, ni havis tre feliĉan matenon ĉe la kafejo.
Ni multe babiladis kaj poste prilegis kaj studis prepoziciojn en la tre uzinda libreto "Poŝamiko" tra kiu la komencantoj progresas.



*Chris Hollis*



# Semajna raporto de Melburno



Ni ne kunvenis pasintan semajnon pro la foreco de kelkaj membroj.

**VENONTAJ KUNVENOJ**

Dimanĉon 13a de Aŭgusto je 15:00 — Dimanĉa kunveno, ĉe ACMI Cafe & Bar, Federation Square

Lundon 14a de Aŭgusto je 18:30 — Lunda kunveno, ĉe Ross House, 247 Flinders Lane

**NUNAJ SEKVANTOJ** (Alklaku la nomon por iĝi plua!)

Meetup - 877 Instagram - 81
Facebook - 299 Telegram - 20
Twitter - 281

*Joanne Johns*



# NOVAĴOJ/OPINIONOJ VIAJ





## VERA, KAJ IDEO, KAJ INTERLINGVO.



**VERA**, mi gratulas cin, ĉar en n.ro 333 mi trovis neniun eraron. Bonege! Krome: Ci menciis "La gaja Vidvino", de Franz Lehar. Jes mi jam havas dekon da sidlokoj por vidi tiun opereton en Novembro. Mi jam vidis ĝin almenaŭ pli ol dek fojojn dum mia vivo, kaj mi tre ŝatas ĝin. Sed mi preferas plurajn aliajn operetojn, de Lehar kaj Kalman kaj Offenbach kaj aliaj, ĉar unu el la ĉefmelodioj daŭras en la lasta duono de la opereto tiom longe kaj ripete, ke tio tedas min. Cetere mi abonis operojn ĉiujare dum la lastaj kvardek jaroj, en Melburno, ofte dek-kvin sidlokojn en sep operoj jare, precipe por fordoni ilin al miaj gefiloj kaj genepoj. Mi do konas duoncenton da operoj ĉar vidis ilin ofte.

**IDEO POR DISKUTADO.** En la ĵurnaloj nuntempe mi legas multon pri seksa ĝenado ante dungatinojn ate de iliaj mastroj. Unu kaŭzo de la vasteco de tiu problemo ŝajnas al mi esti, ke la mastroj havas la potencon fari tion ĉar ili estas mastroj. Aliaj viroj ne havas tiun eblecon. Tial mi preferas socion sen mastroj, anarĥiismon. Mi kuraĝas diri ke se ni, nemastroj, havus la ŝancon same seksemumi al fremdaj virinoj, kelkaj, se ne multaj, el ni farus la samon. Krome la publiko akceptas tiun tendencon, sed nur ĉe artistoj kaj politikistoj kaj aliaj famuloj, do kial ne por ni ĉiuj? Ĉar la seksemo evidente estas pli forta ol la moralo, la potenco ne estas

la precipa kaŭzo de la seksĝenado ĝenerala. Ŝajnas al mi ke la seksemo dum la tuta jaro, kontraŭe al ĉe aliaj animaloj, estas tro longa. Se la seksemo, kiel ĉe mia virĉevalo nur dum flaro ante inon sekskunpretan, daŭrus ĉe la homo kelkajn semajnojn en la jaro, la problemo en ia ajn socio estus multe malpli grava. Do mi favoras devigajn pilolojn kiuj farus nin seksemaj nur dum mallonga periodo en la jaro, tiel ke ni povu pli koncentriĝi pri utila kaj kreema laboro, kaj lasus la nevolajn virinojn liberaj. Tiel ni samtempe admirus virinojn pro iliaj karakteroj anstataŭ por trakti ilin kiel seksobjektojn. Nur ideo diskutebla!

**ESPERANTO KIEL INTERLINGVO**. Ĉar la mondaj interrilatoj inter landoj, ekonomioj, registaroj, kaj individuoj plilarĝiĝas, kaj ĉar la interrilatiloj plivastiĝas kaj plifaciliĝas, la bezono de individuaj tradukistoj pligrandiĝas. Por esti utilaj tiuj tradukistoj devas esti ege kleraj pri sia profesio. Por tio multaj homoj ne taŭgas, kaj la tradukistoj do estas specialistoj multekostaj. La diversaj lingvoj enhavas ankaŭ esprimojn reprezentantajn la diversajn kulturojn. Traduki tiujn oni ofte ne povas, ĉar la kulturoj kutime malsamas, kaj uzas malsamajn esprimojn por siaj propraj kulturaĵoj. Ekzistas tri manieroj por dum tradukado trakti la specialajn kulturaĵojn. **Unue** oni povas simple uzi la samajn vortojn en la cellingvo, kiujn la cellingvanoj ne komprenos. **Due** oni povas ŝanĝi la figurajn esprimojn al pli konkretaj esprimoj, kiujn la cellingvuloj komprenos. **Trie** oni povas transformi la kulturajn figuraĵojn de la origina lingvo al la, ofte aliaj, figuraĵoj de la cellingvo**. En la unua kazo** la tradukisto bezonas kleri nur en la ordinaraj origina kaj celata lingvoj. **En la dua kazo** la tradukisto devas kleri en la figuraĵoj de la unua lingvo sed ne en tiuj de la cellingvo. **En la tria kazo** la tradukisto devas kleri en la kulturaĵa lingvo de ambaŭ lingvoj. Estas klara, ke por la tria kazo oni trovas malpli da taŭgaj homoj ol por la dua kazo, en kiu kazo malpli ol por la unua kazo. En ĉiuj ĉi supraj profesioj la tradukado servas nur unu cellingvon. Se oni volas traduki tekston al pluraj cellingvoj, oni bezonas specialiston por ĉiu cellingvo. Estas multe malpli monkosta, se unu tradukisto kapablas traduki en pli ol unu lingvon. Sed tiaj estas malmultaj. La malmultokosta alternativo estas havi neŭtralan interlingvon, kiel Esperanton. En ĉi tiu kazo la kultura versio de la fontlingvo tradukatas al senfiguraĵa versio en Esperanto, kaj tiu Esperanta teksto tradukatas al dekoj aŭ centoj da aliaj lingvoj, ate de po unu specialisto en ĉiu cellingvo. Tia traduko povas esti senfiguraĵa aŭ kulturaĵa. En la lasta kazo la tradukisto devas esti pli klera**. Nur en la unua kazo oni povas uzi maŝintradukadon**, kiu tamen ĉiam enhavas erarojn. Esperanto estas kaj estos treege utila interlingvo, ĉar en tradukoj ĝi ne havas, aŭ devas nehavi kulturajn esprimojn. Ĝiaj propraj kulturaĵoj, se ili ekzistas, ne uzatus en tia tradukado, nur tiuj de la cellingvo se ĝi devus esti arta. Por utile fari tiajn amastradukojn oni povus trovi multajn taŭgajn tradukistojn ĉar kleri en sia propra lingvo estus por ili sufiĉe facila kaj ilia Esperanto povas (kaj devas) esti perfekta pro ĝia relativa facileco. La kulturaj, figuraj, esprimoj en la fontlingvo ĉiukaze ne uzeblus en la cellingvo, sen aŭ kun Esperanto, kaj por la tradukado el Esperanto oni trovus multe pli da taŭguloj ol por la rekta tradukado. Kaj la aldonita valoro estus, ke oni havus la tekston krome en Esperanto, kiu teksto uzeblus tutmonde.

*Marcel Leereveld.*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# **Esperanto Fariĝis 130 jaraĝa** je la 26-an de Julio 2017



# Esperantistoj de sudorienta Kvinslando

Je la 22a de Julio, Esperantistoj de sud-orienta Kvinslando renkontiĝis en Caboolture por normala amika kunveno en interesaj, inspiraj, afablaj lokoj.

Unue ni vizitis ekspozicion en galerio de diversaj artverkoj de S. Nolan, A. Boyd, R. Drysdale sed pleje la arto de Brett Whitely.

Poste ni ĝuis tagmangon en ' Bulludo Klubo'; de tie ni promenis sub radianta sunbrilo tra proksima, bela parko.

La kulmino estis post-tagmeza kafo & kuko por honori Linda kaj Petro Danzer ĉe ilia hejmo kaj ĝardeno. *Petro Danzer*



Esperantistoj ĝuis kafon kaj kukon ĉe Danzer hejmo



Ness &Erhard Claus en bela Caboolture parko kun Sofia (meze)

Esperantistoj de sudorienta Kvinslando ĝuis kunmanĝi








Nova retejo, nomata verkoj.com, estas lanĉita lastatempe. Tiu retejo estas dediĉita al originala kaj tradukita verkado. Ĉiuj verkoj estas transdonitaj de la verkistoj aŭ tradukistoj mem. Ĉiu verkisto ricevas allogan paĝon por si mem, kie li/ŝi povas prezenti siajn verkaĵojn al la publiko. La riĉa enhavo entenas poemojn, rakontojn, novelojn, romanojn, bildrakontojn kaj infanrakontojn.

Verkistoj estas invitataj partopreni per la ligilo en la paĝo "kontaktu". Legantoj estas invitataj ĝui, kaj rekomendi la retejon al siaj konatoj.

:Jen kelkaj ekzemploj el la riĉa enhavo

- La Datreveno de la Leono, La Blateto kaj la Muso kaj multaj aliaj simplaj sed saĝaj porinfanaj bildserioj de Liette Lela
- Esperanto - rakonto de la fama verkisto Amos Oz
- La kompleta Kolekto de Judaj Ŝercoj de Josi Ŝemer
- Dancanta kun ŝarkoj - kaj aliaj rakontoj de Julian Modest
- Penseroj kaj multaj aliaj poemoj kaj rakontoj de Maria Nazare Laroca
- Niaj kunuloj, la bestoj - legolibreto de Paŭlo Sergio Viana
- Bildrakontoj (komiksoj)
- Sep Citronsemoj, kaj aliaj rakontoj de Julia Sigmond
- Doloro - poemo de Julia Sigmond
- Rakontetoj de Alex Epstein - kutime inter kelkaj vortoj kaj kelkaj linioj - sed tamen kompletaj kaj pensigaj.
- Pri Esperanto kaj... la Somera Tempo - eseo de Amir Naor
- Esperanto per 501 vortoj - lernolibro de Aleks Kerbel
- La kompleta verkaro de Klubo Karapaco
- Kaj multaj multaj pluaj verkoj...

Do - vi estas invitataj viziti verkoj.com kaj ĝui kaj kontribui!
Amike, Amir Naor
Redaktoro de verkoj.com

Sendis *Heather Heldzingen*